# Konstru-Forumo 6

**Oktobro 2006**

**Jan Werner, Dřínová 18, CZ-61200 BRNO**

## Prologo al la 6-a numero

De post la 5-a n-ro de „Konstru-Forumo“ pasis pluraj monatoj. La paŭzo ĉagrenas min, ĉar mi forte perceptas la bezonon solvi multajn konstrufakajn terminologiajn problemojn. Bedaŭrinde miaj taskoj en diversaj sferoj, inkluzive de la familia, ne ebligis, ke mi okupiĝu pri nia forumo. Tamen mi nepre ne ĉesos, mi petas vian komprenemon kaj pardonon, ankaŭ vian sinceran partoprenon en la plua solvado de nia profesia terminaro en Esperanto. Miascie neniu alia internacia grupo esperantista okupiĝas pri la aferoj kaj laikaj intervenoj la lingvon damaĝas. *Jan Werner*

## Jarkolekto de TAKE 2006 kaj 2007

La kolekto 2006 estas redakte prizorgita danke al Fabien van Mook. Al la kolekto kontribuis (laŭalfabete): Ĉupin, Grollemund, Halász, Obradović, Shen Chengru, Werner. La redaktoro Fabien van Mook informis (2006-10-04), ke pro tempomanko li eble rezignos pri sia kontribuaĵo „La nova nederlanda normo kontraŭ ĝeno kaj danĝero pro vento je stratnivelo“. Same rezignis Michel Basso kaj provos artikolon verki por la Jarkolekto 2007. En aŭgusto proponis artikolon pri energiŝparado en „pasivaj domoj“ Tania Berger, ŝi verkos ĝin por la venontjara kolekto.

Redakti la kolekton 2007 pretas la kolego Bronislav Ĉupin, li bezonos helpon nur ĉe komputiligo de bildaj ilustraĵoj. En tio jam nun helpas al li la kolego Fabien.

## Informoj pri TAKE

En la revuo Esperanto (UEA), septembra n-ro, mi legis, ke en la terminologia konferenco okazinta kadre de UK en Florenco parolis la TAKE-estrarano André Grossmann pri TAKE, interalie ankaŭ pri la Jarkolekto 2005 kaj pri nia forumo. Dankon al li!

## Kontaktoj

**Pierre Grollemund** (FR). S-ro Grollemund estas fakulo pri tegmentista kaj ladista metioj kaj en lastaj monatoj inter li kaj mi okazas interkonsiloj pri terminoj de lia profesio. Pri multaj ni interkonsentis, multaj atendas pli detalan prikonsideron, utilus konsiloj ankaŭ el via flanko. Bonvolu informi min, kiu kompetentas pri la metioj aperantaj ĉe tegmentado. Estonte mi al la problemoj revenos kaj prezentos ilin.

**Fabien van Mook** (NL). Li kun mi kunlaboris precipe pri la terminaj aferoj konekse al mia artikolo por la Jarkolekto de TAKE 2006: Ĉarpentista interligado de lignoj. Tie aperas pluraj novaj terminoj kaj mi deziras, ke post apero de la jarlibro ni kolektive traktu miajn proponojn.

**Đorđe Obradović** (SI) (2006-03-02) informis pri la publikigo de artikolo pri laboroj de TAKE en februara numero de *Gradbeni Vestnik* (Konstruista Heroldo), organo de Asocio de slovenaj konstruinĝenieroj. La artikolon elpetis mem la ĉefredaktoro de la revuo. Titolo de la artikolo estas: *TAKE Svetovna zveza gradbenikov esperantistov*. En la enkonduka alineo estas menciita ĝenerala informo pri la movado, precipe pri UEA, en la sekvantaj alineoj la kolego Obradović skribas pri TAKE, la Konferencoj AEST en Ĉeĥio (Apliko de Esperanto en Scienco kaj Tekniko), terminologio inkluzive de la esperanta terminaro pri betono kaj pri la Jarkolekto de TAKE 2005, en kiu estas artikolo ankaŭ de slovena inĝeniero mag. M. Završki. Post la teksto estas represita kovrilo kaj enhavpaĝo de la kolekto.

Đ. Obradović en la mesaĝo informas, ke mag. Marko Završki „estis entuziasmigita kiam mi transdonis al li JARKOLEKTON de TAKE 2005, kaj mi esperas, ke li denove okupiĝos pri Esperanto.“

La kolego Obradović nun estas okupata pri eŭropa kongreso de esperantistoj okazonta en 2007 en lia loĝloko Maribor (vidu: http://www.esperanto-maribor.si/.

**Klaŭdo Roux** (FR), reviziinto de PIV (2006-03-22): *Via „Konstru-Forumo“ ŝajnas interesa kaj utila por la plibonigo de NPIV. Mi do sendas kopion de ĝi al Serge Sire*. (S-ro Roux ne estas konstrufakulo, sed botanikisto.) S-ro Serge Sire respondis al mi, ke li *„ne povas multon alporti al ni“*, ĉar li kompetentas en elektroniko kaj informadiko/komputiko.

**Bronislav Ĉupin** (RU) min informis (2006-08-16), ke la 19-an de julio li estis operaciita, el hospitalo li venis en sanatorion kaj meze de aŭgusto li revenis hejmen. Por futuro mi deziras al vi firman sanon!

**Informo de J. Werner por J. Halász** (HU): S-ro Zídek el Karlovy Vary (CZ) ne kontaktis min pro la traduko kaj eldono de beton-terminaro bazita sur Esperanto, mi supozas, ke ĉeĥaj beton-fakuloj ne havas intereson okupiĝi pri la esperanta eldonaĵo, unue pro negativa antaŭjuĝo rilate al Esperanto, duavice pro troa entuziasmiĝo pri la angla lingvo.

**Rémy Bouchet** (FR) jam longe ne aŭdiĝis. Mi petas lin pri la informo, ĉu li plu tenos kuntakton kun ni, ĉu la retadreso «....@....» validas, ĉu validas la poŝta adreso al Champnieres.

**Fabien van Mook** ekde oktobro 2006 laboras du tagojn semajne en la Teknologia Universitato de Delft, kie li esploros pri la temo „vento kaj konstruaĵaj formoj“. Tio estas temo rilata al liaj esploroj faratajen la tempo de liaj studoj kaj poste ĝis 2003 en la Teknika Universitato Eindhoven. Gratulon al li!

## Ni solvas termin-vakaĵojn

### 4 Pri urbanismo kaj parencaj nocioj

**B. Ĉupin** (2006-05-19) komentis la koncepton esprimitan en la 5-a Ko-Fo: Kiam vi diras, ke urboplanado „ne estas scienco“, kaj samtempe asertas, ke ĝi uzas urbanisman teorion, do vi kontraŭdiras al vi mem, Ĉu ne? Urboplanado estas parto de urbanismo kiel scienco. Kial vi apartigas unu de la alia – urbanismon de urboplanado? Tamen vi trovas komunajn karakterizaĵojn de urbanismo kaj urboplanado. Aliflanke, scienco estas sistemo de scioj pri ekzistantaj realaĵoj (pri naturo, socio, fakoj). Se estas tiel, do urboplanado estas scienco aŭ pli ĝuste parto de urbanismo kiel scienco. Kiam oni instruas al studentoj la studobjekton „urbanismo“, oni instruas kiel apartan ĉapitron „urboplanadon“.

WE respondas: Unue, mi ĝojas, ke ni ĉiuj interkonsentis pri la nomindiko „urbanismo“, kiu ĝis nun ne estis en la esperanta leksiko, nek en NPIV, nek en aliaj vortaroj. Tio estis la ĉefa celo de la diskuto. Koncerne la rilaton de urbanismo kaj urboplanado povas ekzisti iom nuancitaj konceptoj de lando al lando, de homo al homo. Ĝenerale mi povas konsenti kun Bronislav, ke „urboplanado estas aparta ĉapitro en urbanismo“, tiel ĝi estas instruata ankaŭ en niaj arĥitekturaj fakultatoj. Tamen en la praktiko ekzistas speciala fako tenata kadre de ŝtata kaj komunumaj administracioj, kiu surbaze de speciala leĝo kaj diversaj preskriboj devige prizorgas t.n. „teritorian planadon“. Tiu ampleksas ŝtupe aranĝitajn planojn, ekde urba zono, urbo, kunurbaĵo (laŭ NPIV, por mi stranga nomo), al distrikto, regiono, lando. En NPIV por tiu ĉi „teĥnike administra agado“ estas termino „urboplanismo“. Laŭ mia opinio la sufiksoido –ism/ estas en ĝi neadekvata, ĉar ne temas tiom pri teorio (scienco), sed pli pri teĥnika agado (fako) kaj mi proponis nomi ĝin „urboplanado“, do kun la sufiksoido esprimanta agadon: ad/. En tio ni interkonsentis. La du nociojn mi iom pli apartigis, Bronislav la duan konsideras integra parto de urbanismo. Li rajtas tiel kompreni la aferon.

### 6 Pri „kver“ kaj kelkaj nocioj en statiko

La diskuto vastiĝis multe pli ol origine la kolego Fabien (demando pri „kver“) kaj mi supozis. Tamen ni la diskuton finu profite por la afero. Antaŭ ol daŭrigi, mi enmetas informon de Bronislav Ĉupin el 2006-05-19: „Nun pri bazaj terminoj kaj ties ekvivalentoj:

ŝargho - *нагрузка, груз;* soloŝarĝo - *единичная нагрузка;* soloŝarĝo kaj koncentrita forto estas sinonimoj; streĉado - *растяжение, растягивающее усилие, натяжение;* en la germana lingvo Spannung;

streĉo - *напряжение;* en la germana lingvo Beanspruchung;

tondo - *сдвиг, срез.* Kun tio mi konsentas. Ankorau mi aldonas ruslingvan ekvivalenton *"скалывание".* Sed la nocion *"скольжение"* mi forigas.

kniko - *продольный изгиб.*

Kun chiuj ceteraj terminoj kaj ties ekvivalentoj mi konsentas.“

WE daŭrigas: Ni interkonsentu, kio jam estas klara, akceptita, kaj kio ankoraŭ bezonas serĉadon de kolektiva interkonsento. Laŭ mia opinio kelkaj terminoj de mi uzitaj en „Konstru-Forumo 5“ estas evidente klaraj, pri kelkaj ni pli-malpli interkonsentis, kelkaj restas nesolvitaj. Mi listigas alfabete la grupon supozeble klaran, se iu el vi tamen deziras rezoni, bonvolu:

- fleksa momanto – vidu Ko-Fo 5, p. 5,
- flekso – apliko de fleksa forto,
- forto – la radiko „fort“ estas adjektiva, ne eblas do de forto derivi adjektivon, „fort/o/a“ estas formo fremda al esperanto; ne: forta efiko, sed fortefiko aŭ efiko de forto,
- kniko – laŭ NPIV, elpruntita el la germana,
- kondiĉoj de ekvilibro – miaopinie senproblema nomindiko, vidu Ko-Fo 5, p. 5,
- kversekco kaj kverprofilo – laŭ PIV, NPIV, ni akceptu ilin,
- normala forto – vidu Ko-Fo 5, p. 5,
- premo – apliko de prema forto,

- simpla balko – miaopinie senproblema termino,
- ŝarĝo – ĝenerala nocio kaj termino por ajna speco de **apliko de forto** sur konstruelementon,
- tiro – apliko de tira forto,
- tondo – apliko de tonda forto,
- tordo – apliko de torda forto,
- translacia forto, vidu Ko-Fo 5, p. 5.

La proceson de eksplikado (difinado) kaj unuecigado de niaj opinioj pri terminoj estas bezone daŭrigi rilate al miaj provizoraj nomindikoj en la 5-a n-ro de „Konstru-Forumo“:

- premdifekto, dispremo, **kontuzo** (?) – tiu ĉi nomindiko prezentas nocion de „tropremo“, de difekto de ekz. betona surfaco loke ŝarĝita tiom, ke ĝi montras simptomojn de pistado, diseriĝo. La tria el la proponoj estas derivita de la verbo kontuz/i, kiu en NPIV rilatas al korpa vundiĝo: Pli-malpli profunde lezi la korpon per neakra objekto, tiel ke estiĝas hemoragio, kiu infiltriĝas en la histojn: *la knabo sin kontuzis falante*;… **kontuzo** – lezo per neakra objekto. En nia kazo la korpo ne estus viva organismo, sed neviva ekz. betona korpo, tamen analogio permesas transponi la nomon por nia sfero. Mi petas pri via opinio.
- soloŝarĝo (?) – la vorto ne plaĉas al mi, sed mi volas distingi ĝeneralan ajnan „ŝarĝon“ disde unu aganto, kiu estas sola, aganta/efikanta teorie en unu punkto. Ĉu kontentiĝi kun koncentrita ŝarĝo? Aŭ punktoŝarĝo? Ŝarĝunuo estus ambigua. Kia estas via opinio pri la proponoj?
- **streĉ(ad)o**, streĉ(o)efiko, fortostreĉado, fort(o)efiko – vidu Ko-Fo 5, p. 5. Streĉado estas nenio alia ol streĉo kiel kaŭzo de streĉiteco. Kiel distingi la du fazojn? Mia komento: Temas pri elekstera efiko, en la lingvoj angla, franca, rusa estas kvazaŭ ĥaoso. Angloj nomas tiun ĉi nocion *tension* kaj *stress*, sed ili la rezultantan staton en la korpo nomas same *stress, stress intensity*. Francoj la eksteran efikon nomas diversmaniere: *effort, sollicitation, fatique, taux de fatique*; la internan elvokitan staton *tension, contrainte, fatique, travail élastique*. Rusoj nomas la unuan nocion (translitere) *usilie, naprjaĵenie*, la rezulton en la korpo denove *naprjaĵenie*. Bonan ordon mi vidas en la germana: elekstera efiko estas *Beanspruchung, Inanspruchnahme*, la rezulta estas *Spannung*. Same logika estas en mia lingvo ĉeĥa: *namáhání* kaj *napětí*. Mi rememoras, ke Fabien informis min, ke li preferas anstataŭ streĉo uzi tensio por la interna elvokita stato en la korpo. Mi pretas kun li konsenti, tio signifas, ke streĉo, streĉado estus fortefikado direkte al la korpo (konstruelemento) kaj tiu streĉo en la korpo elvokus tension. Ne gravas, ke PIV/NPIV eksplikas tension nur en fiziko/elektriko kaj biologio/fiziologio, la uzo en meĥaniko ja estas ankaŭ fizika apliko. Ankaŭ la verbo streĉi en tiu elekstera efikado respondas al la difino 4 en NPIV: Apliki forton (de tiro, premo, flekso, tordo ks) al elasta korpo… Do, ĉu vi povas konsenti kun la supre grase tajpita **streĉ(ad)o**?
- streĉo, **tensio** – vidu Ko-Fo 5, p. 5, mi ripetas, ke la kolego Fabien inklinas al „tensio“, ke ankaŭ mi nun preferas akcepton de tensio por la koncerna nocio. Pripensu la rilaton de kaŭzo kaj konsekvenco, streĉo kaj streĉiteco. Ĉu ni akceptu la terminon **tensio**?
- **subtenaj reakcioj** – vidu Ko-Fo 5, p. 5,
- **subtenilo** – vidu Ko-Fo 5, p. 5,
- (?) – Ĉu vi deziras ankoraŭ iun nocion/terminon aldoni?

Se ni komencis la iom vastan diskuton, ni finu ĝin. Mi konfesas, ke mi estis profesie ligita al betono, statiko de betono, ĉar mi dum pluraj jaroj okupiĝis pri konceptado de prefabrikitaj konstrusistemoj por industrio, sed mi mem statikon ne kalkulis, mi havis apud mi statikiston. Mia kompetenco estas nur parta. Mi esperas, ke precipe la kolegoj Halász kaj Obradović helpos. Bedaŭrinde la inĝeniero Trojan en Prago, aktiva statikisto, ĉesis kunlabori, mi ankoraŭ foje petos lin pri partopreno. Kompreneble mi atendos starpunkton ankaŭ de la kolegoj Fabien van Mook, Bronislav Ĉupin k.a., kiuj imagas la problemajn nuancojn en la difinoj kaj nomindikoj.

**7 Efektivo –** mi ne scias, ĉu la aferon fermi, mi petas respondi almenaŭ per unu frazo vian starpunkton (krom la kolego Fabien, kies opinio estas klare dirita).

**8 Tretejo -** bonvolu koncize respondi vian starpunkton.

**9 Lumeto** – bonvolu koncize respondi vian starpunkton. Mi ripetas, ke por la nocio ne ekzistas internacia vorto, ke mi elektis metaforan nomon. Diminutivon (kun –et/) mi elektis konscie, „lumo“ en certaj situacioj povus esti ambigua.

**10 Streni.** Fabien van Mook (2006-05-15) demandis min: Mi trafoliumis vian „Terminologiaj konsideroj“ kaj hazarde trovis vian artikolon pri „streno“ kaj „streniĝo“. Kiel vi konsideras la lokon de streno en la vico de streĉo/forto/tensio kiel ni diskutas en KF? Ŝajnas al mi, ke vi komprenas la terminon „streĉo“ tre proksima al ŝarĝo kaj „pridemandado“ (tial sollicitation en la franca kaj Beanspruchung en la germana), kvankam mi emas emfazi la ideon de deformado. Mi preskaŭ dirus, ke streĉo kaj deformado ne

estas distingebla: streĉo neniam estas sen deformado, deformado neniam estas sen streĉo – sed eble tio estas tro filozofia demando. (2006-06-05) Fabien daŭrigas: Pri la termino „streno“ mi ne havas definitivan vidpunkton. En mia respondo al KF 5 vi povas konkludi, ke mi komprenas „streĉon“ iom alie ol vi (i.a. ĉar mi emas uzi „tension“ por la fizika grando). En tiu ĉi vidpunkto mia, „streĉo estas preskaŭ sinonima al „deformado“. Nur post mia skribo de la respondo al KF 5 mi hazarde trovis la terminon „streno“. Sekve, kiel sinonimo de „streĉo“ (laŭ mia kompreno) mi konsideras „strenon“ superflua, kvankam la uzo de „streno“ por „streĉo kaŭzanta difekton“ povus esti utila. – WE al Fabien respondis: Streno (deformo) estas ŝanĝo de la formo de korpo kaŭzita de fortefikoj, varmefikoj kaj event. de aliaj efikoj. Malgranda streno estas elasta deformo, konsiderata en la limoj de Hook-leĝo. La streno totala (*total strain*) estas la malgranda streno kompletigita de pluaj nelinearaj deformoj. La elasta deformo estas revena (reversebla?), la plasteca deformo estas daŭra (nereversebla?). – La fina konstato de Fabien, en la dua mesaĝo, estas fakte la realo, streno (en: *strain*) estas „streĉo, kiu kaŭzas/kaŭzis difekton“. En la ĉeĥa lingvo por tiunocia streĉo, do streno, ekzistas termino *„přetvoření“* (en vortaro pri konstrua meĥaniko: ru: *деформация, изменение формы*; en: *strain, distorsion, deformation*; fr: *déformation*; de: *Formänderung, Verformung, Deformation*). Mi aldonas, ke la verbon streni enmetis en siajn vortarojn E. D. Krause – de-eo (1983), eo-de (1999) – la germana ekvivalento tie estas *beanspruchen*. Post tiu ĉi rubriko mi enmetos la tekston el mia publikaĵo, menciita de Fabien. Bonvolu la aferon prikonsideri ankaŭ la ceteraj kaj komuniku al mi vian opinion pri la verbo streni kaj event. pri ties aplikaĵoj.

**11 F. Azorin: kvoto** (verba formo kvoti: skribi la altecon, aŭ ĉiajn dimensiojn sur plano). Ĉu tiel aŭ kiel esprimi per konciza termino la nocion tiel ĉi difinitan: Cifera nombrovaloro aŭ simbolo (litera aŭ grafika), event. ilia kombino, kiu sur desegnaĵo pere de determinitaj mezurunuoj indikas postulatan aŭ mezuritan grandecon de koneksa **dimensio** de bildigita objekto aŭ de ties parto en realo (ekz. longecon, angulon, alto-pozicion), nome sendepende de skalo, laŭ kiu estas la bildo desegnita. Grafikaj kaj literaj simboloj alskribataj al la nombrovaloro (ekz. Ø, □, R, H8) estas konsistaĵo de tiu nocio.

## Pri la terminoj *streno* kaj *streniĝo* en la terminaro de IFEF

La terminoj *streno* kaj *streniĝo* estas prezentitaj en la *Fervoja terminaro en Esperanto, suplemento al Lexique général des termes ferroviaires (UIC)* sub la n-roj 3078 kaj 3079. Nacilingvaj „ekvivalentoj“ en la verko de *UIC* estas la jenaj:

| Lingvo | Termino 3078 | Termino 3079 |
|---|---|---|
| ***fr*** | effort *m;* force *f* | effort *m* accélérateur |
| ***de*** | Kraft *f;* Beanspruchung *f* | Beschleunigungskraft *f*;<br>Beschleunigungsvermögen *n* |
| ***en*** | force; effort; stress; load | acceleration force |
| ***it*** | sforzo *m*; forza *f;* sollecitazione *f* | sforzo *m* acceleratore |
| ***es*** | esfuerzo *m*; fuerza *f* | esfuerzo *m* acelerador |
| ***nl*** | kracht | versnellingskracht |

Aŭtoroj de la esperanta suplemento evidente malbone tradukis la nacilingvajn terminojn, ĉar la esperanta radiko **stren** originas en la angla **strain** kaj tiu sub la n-roj 3078 kaj 3079 de la vortaro de UIC ne estas.

Sub la n-ro 3078 estas terminoj **forto** (*fr, de, en, it, es, nl*) kaj **streĉo** (*fr, de, en, it, es*), en la angla krome **ŝarĝo** (*load*; signifon de la itala *sollecitazione* mi ne scias).

Sub la n-ro 3079 estas la termino **akcela forto**, resp. **streĉo**.

Per la atentigo pri la eraro mi povus fini, sed mi konsideras utile aldone fari la analizon de la termino **streni**.

La termino **streni** estas certe prenita el la angla *strain* kaj ĝia verba signifo estas: **meĥane streĉi ĝis mezurebla deformo**. La substantiva formo signifas: **streĉo ligita kun deformo**.

La esperantan version **streni** mi unuafoje trovis en la *Slipara vortaro (SV)* de R. Eichholz, sur la slipo n-ro 69/5c. La termino estas tie difinita: *Postuli malfacilan taskoplenumon de maŝino, maŝinparto aŭ konstruelemento: Aŭtisto strenis la bremsojn. Profiltrabojn oni flekse strenas. Ili troviĝas sub fleksa streno; stajoj kaj kabloj troviĝas sub tira streno (= streĉo) kaj trakciaj radaksoj sub torda streno*. Sur la slipo montritaj ekvivalentoj estas (*en*) *strain, stress, load, apply stresses*, (*de*) *beanspruchen*, (*fr*) *soumettre à un effort*. Evidente la aŭtoro intermiksas la terminojn streĉi kaj streni, la ekzemploj estas taŭgaj por **streĉi**, sed apenaŭ por streni. La difino mem parte pravas.

Verŝajne surbaze de SV E. D. Krause envicigis la terminon streni en sian *Wörterbuch Deutsch-Esperanto* (1983). Apud *beanspruchen Tech* estas tie streni.

Estas necese konscii, ke en faka leksiko de kiu ajn lingvo estas sinonimoj nepre nedezirataj. La anglaj terminoj, cititaj supre en la vortaroj de *UIC* kaj SV, ne estas sinonimoj kaj ne povas do esti anglaj ekvivalentoj de **streni**:

- *stress* estas streĉi; PIV 4: Apliki forton (de tiro, premo, flekso, tordo k.s.) al elasta korpo...;
- *load* estas ŝarĝi (PIV 1), ekz. ŝarĝi plafonon (rim.: nove tekton) de konstruo;
- *apply stresses* estas apliki streĉojn (= streĉi).

**Streni** en Esperanto estas utila termino, sed oni devas ĝin kompreni kiel **deformi pro efiko de iu meĥana streĉo** (prema, tira, fleksa, torda, tonda). Ekzemple rezulto de fleksa streĉo de balko* estas ĝia flekso, kiu prezentiĝas per kurbiĝo de ties akso - mezlinio - kaj plilongiĝo de tire streĉataj malsupraj fibroj. Streni estas nocie proksima al pli ĝenerala termino **deformi**, sed ne estas ĝia neta sinonimo, ĉar deformi estas plursignifa kaj ankaŭ komunuza vorto. Streni do havas tiujn ĉi alilingvajn ekvivalentojn: (*en*) *strain*, (*fr*) *déformer*, (*de*) *verformen*, (*ru*) *deformirovat'*, (*cs*) *přetvořit* (transformi, aliformigi); *deformovat*.

La terminon *streni* enhavas ankaŭ *Pekoteko 85-90* de R. Eichholz. En la verko ĝi estas prezentita preskaŭ same kiel en SV, do ne plene precize el la vidpunkto de terminologia analizo. En la aldonita rimarko fare de „go“ (probable B. Golden) estas rekomendite, ke anstataŭ streni oni akceptu strejni, analogie kun la angla *to train*, kiu estis modelo por trejni. Ĝenerale kun la motivo de simetrieco mi konsentas, kvankam ĝi ne povas esti la argumento sola. Mi rezonas, ke la angla *to drain* estis modelo por dreni kaj tiu rajtas esti modelo por streni. Sed multe pli grava motivo por streni estas la fakto, ke ĝi jam uzatas, estas notita en vortaroj kaj ĉiu forma revizio signifas danĝeron de malstabiligo, tiom damaĝa por Esperanto.

La aŭtoro de la rimarko, „go“, krome demandas, *ĉu estas bezonata tiu neologismo, kiu ne havas internacian formon?* La demandanto pravas nur parte. En la medio de meĥanikistoj kaj statikistoj tiu nocio havas unuecan internacian internan formon, kiu estas pli grava ol la ekstera formo de la termino.

Estas strange, ke R. Eichholz en la Pekoteko tuj akceptis la proponon de „go“. En la verko plue troviĝas „strejn-konkurso“ (pri motorcikloj) kaj „strejn-rezista konuso“ (pri triborna kablofina mufo). Tiujn formojn mi volas nekomenti, ĉar ili estas ekster mia profesio, tamen pri konveneco de stren (aŭ strejn) en la nomoj mi tre dubas.

Antaŭ ol fini la analizon de la problemo, mi iom proksimigos la nocian enhavon de stren/i al laikoj. Kiel mi jam diris, la angla *strain* kaj la esperanta streni signifas „tro streĉi“, konsekvence ĝi tre proksimas al deformi. Al laiko la signifon povas imagive ekspliki la anglaj terminoj:

- *strain cracking* - fendo kaŭzita de streno;
- *strain energy* - energio de streno;
- *strain gauge* - tenzometro, kalke dirite strengaŭĝo;
- *strain indicator* - indikilo por legi deformon sur skalo;
- *strain measuring* - mezurado de streno (helpe de kaŭzita deformo);
- *strain rate* - rapideco de deformiĝo.

En la angla lingvo la radiko *strain* estas uzata ankaŭ ekstense en la senco de la esperanta verbo streĉi, ekz. *straining* por la streĉado de segbendo. Sed tiu nacilingva vastigita uzanco, kaŭzita de malterminigaj influoj, nepre ne estas sekvinda en la lingvo internacia, plana. Tiu devas esti pli sistema, pli perfekta, ĉar pli ambicia. Ies volo sekvi nacilingvajn simptomojn de semantika disharmonio estas esprimo de naiveco.

Laŭ mia opinio estas konvene akcepti la terminon **streni** (en la sfero de faka leksiko oni ne parolas pri neologismoj) kiel verbaradikan kun la enhavo: apliki meĥan(ik)an forton tiel, ke ĝi kaŭzas deformon; en la ligo kun teksto ĝi povas fariĝi preskaŭsinonimo de deformi, aliformigi, trostreĉi.

La terminojn streno, streniĝo en la terminaro de IFEF mi rekomendas ŝanĝi konforme al la nacilingvaj ekvivalentoj.

**Gloso**

*** balko** - flekse streĉata konstruelemento a) en konstrufaka statiko linia statika sistemo, formita kiel vergo aŭ kiel verga trusa konstrukto; b) ĝenerale en konstrufako ĝi estas korpo kutime regula kaj longa kiel trabo, apogita en unu aŭ kelkaj lokoj tiel, ke ŝarĝita per eksteraj fortoj ĝi ne moviĝas, nek difektiĝas (flekse, torde, tire, preme).

*Fervojfakaj Kajeroj, 1994, n-ro 3.*

## Postskribo al la 6-a letero „KF“

Mi konfesas, ke post la monatoj de prokrastado de tiu ĉi kolektiva alskribo mi parte perdis la kontinuecon de mia pensado, supervidon pri la korespondaĵoj. Pardonu afable, se mi forgesis ion gravan mencii, se vi trovos ion tian, bonvolu min atentigi pri la afero.

Daŭre mi opinias, ke ni estas malmultaj, ke mankas al ni kolegoj el la lingvaj sferoj angla, germana, hispana aŭ portugala, kompreneble ankaŭ el la sferoj neeŭropaj. Kion fari por trovi novajn gekolegojn? Al Fabien: Kiu estas ŝi, Tania Berger (verkonto por la jarkolekto 2007), ĉu vi povas ŝin demandi pri eventuala partopreno en niaj diskutoj? – Mi esperas ricevi viajn respondojn en oktobro aŭ komence de novembro.

Kore salutas vin *Jan Werner*

*Brno la 8-an de oktobro 2006*